FENIX
ESPERANTO ★ NEDERLAND

# Haïti

Hallo, even babbelen met daarginds
de Esperanto-groep in Port-au-Prince

maar... helaas ik ervaar
in deze winterse kilte
machteloze stilte...

A. Heijstra-Valkering
Heiloo.

*15a jarkolekto n-ro 62 marto - aprilo 2010*
**REVUO DE ESPERANTO NEDERLANDO**

FEN X

*Forumo de Esperanto Nederland*

**www.esperanto-nederland.nl**

Dumonata membrogazeto de *Esperanto Nederland.*
ISSN 1384-6515
Membroj de *Esperanto Nederland* ricevas la gazeton; ĝi estas aparte abonebla nur por ne-membroj en eksterlando. Tarifo EUR 15.-
Por tiuj, kiuj tion bezonas, son-kasedoj kun la enhavo estas haveblaj. Informojn donas la sekretario.

**Redakcio:** <redakcio@esperanto-nederland.nl>
H. Bakker, Kastelenstraat 231II, 1082 EG Amsterdam, tel./fakso 020-64 21 853 <hansbakker@raketnet.nl>.
J.K. Hammer, Taxusstraat 7, 1505 AA Zaandam, tel. 075-616 69 31, <ko.hammer@planet.nl>.

**Esperanto Publike:**
Gazetartikoloj ktp estas bonvenaj ĉe redaktoro Hans Bakker, same kiel informoj pri mencioj de Esperanto en radio kaj televido. Bonv. indiki detalojn.

**Lingva rubriko:**
Emiel Van Damme, Albert 1 straat 44, BE 1703, Schepdaal, Belgio.

**Teknika redaktoro:**
Julia De Coster, Esperanto-Centro Antverpeno.

**Presado:** Flandra Esperanto-Ligo, Antverpeno.

**ESPERANTO NEDERLAND**

**Prezidanto**
Gerrit Berveling, Kalverstraat 8-B, 8011 LH Zwolle.
Tel.: 038-4237003
Retadreso: <gerrit.en.madzy@planet.nl>.

**Sekretario**
PROVIZORE vi uzu la adreson de Ineke Emmelkamp, Arubastraat 12, 9715 RW Groningen. Tel.: 050-57 18 842.
Retadreso: <info@esperanto-info.nl>.

**Membro-Administranto:**
Remment Balk, Egeïschestraat 42, 8303 EN Emmeloord. Tel. 0527-23 93 78 // <membroj@esperanto-nederland.nl>.

**Kasisto:** Els ten Hagen-Renses, Middenweg 587, 1704 BH Heerhugowaard. Tel. 072-571 79 18, <kasisto@esperanto-nederland.nl>.
Bankkonto: 78 68 44 167 nome de Esperanto Nederland; UEA-konto: esne-h

**Informado/informmaterialo:** Ineke Emmelkamp, Arubastraat 12, 9715 RW Groningen. Tel. kaj fakso: 050-57 18 842. Retadreso: <info@esperanto-info.nl>.

**Instrua Servo:** Luit Staghouwer, Julianalaan 25, 9781 ED Bedum. Tel.050-301 40 15, <luitstaghouwer@home.nl>.

**Studie-weekeinde:**
<studsemajnfino@esperanto-nederland.nl> aŭ Marijke Lathouwers, Kruiszwin 1205, 1788 LE Den Helder, Tel: 0223-643781.

## DATOLIMO:

Materialo por la venonta numero estas bonvena ĝis la fino de marto. Sendu ĝin kiel eble plej frue, tiam vi ege helpas nin.

## ENHAVO



## ĈE PAĜO 1:

Katastrofo okazis, ja ekster la limo de nia Esperanto-movado, sed tamen tiom granda, ke ni ne povas preter-vidi ĝin.

Ans Heijstra esprimis siajn sentojn en poemeto, responde al invito de Noordhollands Dagblad, kiu ĝin ne uzis.

Tamen: imponite de ĉio, kio okazis aliflanke de la mondo, ni prezentas ĝin ĉi tie - ne gravas ke ĝi estas nederlandlingva...

Aldone komuniko de Osmo Buller, direktoro de la Centra Oficejo de UEA: Bedaŭrinde, de kelkaj jaroj UEA havas neniun membron kaj do ankaŭ ne delegiton en Haitio. Surpapere ekzistas junulara sekcio de TEJO, sed ĝi verŝajne de longe ne aktivas kaj ĝiaj adreso kaj telefon-numero devus do esti forigitaj el la Jarlibro.

HB / JKH.

## DE LA REDAKCIO

Estis granda honoro ricevi inviton al la jubilea festo de Humphrey Tonkin, la 9-an de januaro.

Sed kio okazis? En antaŭa tago ni faris viziton je kelkaj kilometroj de nia domo. Survoje kelkaj neĝflokoj falis. Post la vizito de duona horo, ni retrovis la aŭtomobilon kovrita de dika tavolo da neĝo, kaj preskaŭ nevidebla pro la falanta neĝo. Por la reiro hejmen, normale malpli ol dek minutojn, ni nun bezonis pli ol unu horon.

Poste la televido montris ke ni estas en la plej suda parto de grandega neĝado. La postan tagon la garaĝo estis barita de neĝduno, la limoj inter la ĝardeno, la vojo, la herbejoj kaj la kanalo estis nevideblaj, kaj la stacidomo ne atingebla...

Jen Nederlando, januaro 2010!

Al la Tonkin-festo mi bedaŭrinde ne povis iri. Tamen UEA helpis per raporto kaj Stano Marček helpis per bildoj, do vi, leganto, povas esti kontenta.

# 19-A ĜENERALA KUNVENO
## TAGORDO
**por la 19-a ĝenerala kunveno de ESPERANTO NEDERLAND, okazonta la 29-an de majo 2010, de 10.00h ĝis 14.00h en "Vergadercentrum Vredenburg", Vredenburg 19, 3511 BB Utrecht.**

Membro povas reprezenti maksimume 2 aliajn membrojn, se li/ŝi transdonis subskribitajn mandatojn al la registranto ĉe la komenco de la kunveno.

00. Alveno ekde 10.00 h.
01. Malfermo de la ĝenerala kunveno je 10.30 h.
    Rememoro de la forpasintaj membroj.
02. Fikso de la Tagordo / Envenintaĵoj.
03. Protokolo pri la 18-a ĝenerala kunveno en 2009.
04. Agadraporto pri 2009.
05. Financaj raportoj pri 2009.
    5.1. Raporto de la kaskontrol-komisiono.
    5.2. Rezultkonto pri 2009.
    5.3. Bilanco je 31-12-2009.
06. Proponoj
    6.1. Propono de la estraro: fikso de la kotizoj por 2011.
    La estraro proponas ŝanĝi la kotizojn:
    • membro ordinara € 30 (nun € 27,50,
    • samhejmano ordinara € 10,-- (nun € 8,00);
    • junuloj ĝis-30-jaraj € 15,00 (nun € 13,75);
    • samhejmano de junuloj € 5,00 (nun € 4,-);
    • subtenanto € 10,00 minimume; ne sanĝiĝas;
    • aparta eksterlanda abonkotizo € 17,50 (nun 15,--).
    6.2. Buĝeto kaj Laborplano 2010.
07. Elektoj.
    7.1. Estraro:
        La kasisto Els ten Hagen demisias kaj ne estas reelektebla.
        La estraro prezentas la kandidaton Wald ten Hagen kiel kasiston.
    7.2. Kaskontrol-komisiono:
        Laŭstatute la tuta komisiono ĉiujare demisias. Elekteblaj estas: Peter den Breems,
        Arjen-Sjoerd de Vries kaj kiel anstataŭanto Jeannette Bosse.
    7.3. Arbitracia komisiono:
        Ko Hammer kaj Anneke Schouten-Buijs demisias. Ili estas reelekteblaj.
08. Jubileantoj
Ne estas jubileantoj (50-jara membreco) ĉi-jare.
Ni mencias la membrojn kiuj antaŭ 25 jaroj aliĝis.
09. Verloren van Themaat-premio.
    La ĵurio anoncas la rezulton.
10. Konkurso pri Esperanto-nomoj en ne-Esperanto-medio. La estraro anoncas la rezulton.
11. Diskuto/discussie:
Toekomst van ESPERANTO NEDERLAND.

In de ledenvergadering van 2009 werd besloten dat een aantal leden van ESPERANTO NEDERLAND zich zouden beraden over de toekomst van ESPERANTO NEDERLAND.

De commissie heeft eind januari 2010 het bestuur een aantal stukken toegestuurd. Het is niet mogelijk om de stukken nu mee te sturen. U ontvangt deze stukken ruim voor de leden-vergadering.

De discussie over dit onderwerp zal in het Nederlands worden gehouden.

En la membrokunveno de 2009 ni decidis ke kelkaj membroj pripensos la Estontecon de
ESPERANTO NEDERLAND. La diskuto pri tiu ĉi grava punkto okazos en la nederlanda lingvo.

12. Ronddemandado.
13. Fermo

Lunĉpaŭzo: la tempo kaj la daŭro dependas de la diskutado. Dum la paŭzo funkcias la UEA-Libroservo.

**18-A ĜENERALA KUNVENO**
**PROTOKOLO 16-05-2009**

18-a ĝenerala kunveno de ESPERANTO NEDERLAND okazinta la 16-an de majo 2009 en "Vergadercentrum Vredenburg", Vredenburg 19, Utrecht.

**00. Akcepto.**
Pri la akcepto respondecis Ans Bakker-ten Hagen. Alvenis 40 partoprenantoj, kiuj kunportis 12 mandatojn. Do, entute ĉeestis 52 voĉoj.

**01. Malfermo.**
Je la 10.30h la kunvenprezidanto Johan Swenker malfermis la kunvenon. Li prezentis sin kaj deziris al ĉiuj bonan kunvenon.
Momento da silento estis por niaj mortintaj membroj, nome: s-ino M.E.E. Warmerdam, s-ro K. Riemersma, s-ro J.H. Veerkamp, s-ino J.G. van Hulst, S-ino W. ten Pas-Berckenkamp.

**02. Fikso de la Tagordo / Envenintaĵoj.** La kunvenprezidanto aldonis punkton 07-A en la Tagordo, nome paroloj de Ans Bakker-ten Hagen, Ineke Emmelkamp kaj Wim Jansen.
12 Membroj mesaĝis ke ili ne povas partopreni la kunvenon. La kunvenprezidanto speciale nomis Ru Bossong pro okulinfarkto. Ankaŭ la invitita prezidanto de Flandra Esperanto-Ligo ne povis veni.

1. Envenintaj leteroj de Ans Heijstra kaj Joke Hoobroeckx estas disdonitaj antaŭ la kunveno kaj ĉe tablo forpreneblaj.
Tobiasz Kažmierski skribis pri E-budo en Roterdamo dum estonta Dunja Festivalo kaj li petas viziti ĝin.

2. La kunvenprezidanto nomumis Rob Moerbeek kaj Nellie Kiel-Klunder kiel voĉdonkomisionon.
03. Protokolo 24-05-2008 pri la 17-a ĝenerala kunveno.
La ĝenerala kunveno ne havis rimarkojn kaj akceptis la protokolon.

**04. Agadraporto pri 2008.**
*Je punkto 1.1.*
Wim Baris demandis ĉu nun akcioj jam estas venditaj. La

kasisto respondis ke malgranda parto de la akcioj nun estas vendita.

*Je punkto 2.2.*

Rudi Koot konstatis eraron. La teksto [ .. jarkotizojn por 2008 ] devas esti [ ..jarkotizojn por 2009 ].

*Je punkto 4.1.*

Wim Baris konsilis sendi al petantoj ankaŭ informojn pri "Gerda malaperis".

*Je punkto 5.1.*

Kees Ruig diris ke la raporto de Komitatano A parte ne estas ĝusta kaj li petis ŝanĝi la tekston. La UK estis malsukcesa, katastrofa. Multaj aferoj ne estis bone aranĝitaj, eĉ estis fizika atako kaj alvoko de polico. La kunlaborado de LKK kaj la UEA-oficistoj similas al batalo. La nacia vespero ne havis sufiĉan nivelon, verŝajne ĉar oni ne volis elspezi. UEA deziras silenti pri la aferoj kaj ne prenas sian respondecon.

Ans Bakker reagis ke la raporto estas laŭ konsiderado de LKK kaj de ŝi kiel Komitatano-A. La enhavo restu kiel ĝi estas. Memkompreneble Kees Ruig rajtas aldoni sian privatan subjektivan opinion.

Kees Ruig insistis ke li parolas kiel ĉefdelegito kaj en tiu ĉi funkcio ricevis multajn plendojn. Lia opinio ne estas subjektiva.

La kunvenprezidanto decidis ke la ekzistanta teksto ne ŝanĝiĝos kaj la sekretario notos la rimarkojn de Kees Ruig.

Wim Baris menciis ke estis speciala klaĉretejo pri la kongreso.

*Je punkto ne-speciala:*

Ineke Emmelkamp rimarkigas ke ŝi nun konstatas ke la nomo de Saskia Idzerda mankas en la agadraporto. Tamen Saskia kreive kunlaboris.

*Je punkto 6.1. NGGE:*

Simon Smits informis ke pri NGGE nun ekzistas informilo kaj aliĝilo. Li metos ilin sur tablon.

Je la fino la ĝenerala kunveno akceptis la Agadraporton 2008 kune kun la rimarkoj kaj Ans Bakker-ten Hagen dankis la malgrandan estraron pro ĝia laboro.

**05. Financaj raportoj pri 2008.**

**5.1. Raporto de la kaskontrolo-komisiono.**

Neniu el la komisiono ĉeestis. La kasisto ricevis skribitan deklaron de Jacques Tuinder kaj Arjen-Sjoerd de Vries. Ili kontrolis la financan administradon, per letero deklaris ke la administrado estas en bona ordo kaj donas ĝustan bildon pri la financa stato de la asocio. La komisiono proponis al la ĝenerala kunveno malŝarĝi la estraron.

**5.2. Rezultkonto pri 2008.**

Ne estis rimarkoj.

**5.3. Bilanco je 31-12-2008.**

Ne estis rimarkoj.

Je la fino la ĝenerala kunveno akceptis la financajn raportojn, la deklaron de la komisiono kaj kun aplaŭdo malŝarĝis la estraron.

06. Proponoj

**6.1. Gerda Dercks kaj 5 aliaj proponis:**

"La asocio memoru 25-jaran membrecon. La estraro sendu gratulkarton al tia jubileanto kaj avizu en la jarkunveno la nomojn de tiaj jubileantoj. La atento por la 50-jara membreco restu speciala."

Peter den Breems demandis ĉu la estraro scias la komenciĝon de ĉies membreco.

La kasisto respondis ke jes, ĝenerale, sed en okazo de dubo oni povas direkti sin al la sekretario.

La kunveno akceptis la proponon laŭ granda plimulto da voĉoj.

**6.2. La estraro proponis aldoni al artikolo 25 de la Interna Regularo:**

"3. Het Leerstoelfonds.

Verantwoordelijk voor de instandhouding en financiering van de Leerstoel Interlinguïstiek en Esperanto aan de Universiteit van Amsterdam is de Stichting Internationaal Esperanto-Instituut te 's-Gravenhage. Middels de jaarlijkse begroting verleent de vereniging Esperanto Nederland daarvoor financiële steun aan deze stichting.

Het Leerstoelfonds heeft tot doel de Leerstoel extra te ondersteunen ten behoeve van activiteiten die het bestuur van de vereniging voor de ontwikkeling van Esperanto van belang acht.

De verantwoordelijkheid voor de besteding van de middelen van het fonds berust bij het bestuur van de vereniging. De penningmeester van de vereniging beheert de middelen.

Jaarlijks wordt door het bestuur aan de leden van de vereniging en aan de begunstigers die geen lid zijn van de vereniging, schriftelijk verantwoording afgelegd."

La kunveno akceptis la proponon laŭ granda plimulto da voĉoj.

**6.3. La estraro proponis ne ŝanĝi la kotizojn por 2010.**

La kunveno akceptis la proponon.

**6.4 Buĝeto kaj Laborplano 2009.**

Je punkto 3.3 Wil van Ganswijk atentigis ke 250 eŭroj estas buĝetitaj por la VvTh-premio dum la premio fakte estas 230. La kasisto klarigis ke eventualaj kostoj estas enkalkulitaj.

Je la fino la ĝenerala kunveno aplaŭde akceptis la buĝeton/laborplanon 2009.

**07. Elektoj.**

**7.1. Estraro.**

La estraro prezentis 2 kandidatojn, nome Ineke Emmelkamp kaj, kiel prezidanton, Gerrit Berveling. El la voĉoj estis 51 por. Rilate ambaŭ kandidatojn unu voĉo sindetenis.

**7.2. Kaskontrolkomisiono.**

Ĉiuj el la nuna komisiono (Bert Engel, Jeannette Bosse-Sibbel, Arjen-Sjoerd de Vries kaj Jacques Tuinder) laŭstatute demisiis. Neniu el ili ĉeestis kaj ili ne sciigis ke ili estas reelekteblaj.

El la kunveno nur Peter den Breems anoncis sin por elekto. Kun aplaŭdo la kunveno elektis lin.

La kunveno akceptis la proponon de la kasisto ke ŝi petu la demisiintojn.

**7.3. Arbitracia komisiono.**

Kees Ruig laŭskeme demisiis kaj estis reelektebla.

Aplaŭde la kunveno reelektis lin.

**07A. Paroloj.**

*Ans Bakker-ten Hagen:*
Ŝi klarigis la taskon de Komitatano-A en UEA. Sekvontjare ŝi demisios definitive kaj pro tio la estraro devas nomumi novan komitatanon por la periodo 2010-2012. Ans pretas mentori ĉar gravas scio pri UEA-regularoj, - kutimoj kaj -funkciuloj.

*Ineke Emmelkamp:*
Ŝi eksplikis la serĉludon. Ĝis nun ne multaj sendis trovitajn Esperanto-vortojn. Eblas ankoraŭ ensendi ĝis la fino de tiu ĉi jaro.

*Wim Jansen:*
Li parolis pri sia inaŭguro je la 4-a de septembro 2009 en la luterana preĝejo en Amsterdamo. Estas publika evento en kiu li, kiel nova universitata profesoro, sin prezentos. Ĉiu estas bovena.

**08. Jubileantoj.**
Gratulojn pro 50-jara membreco ricevis s-ro H. v. Kooten en Hillegom. Bedaŭrinde li ne ĉeestis.
Gratuloj pro 25-jara membreco ĉi-jara iris al s-ro C.M. Bakkum en Egmond aan Zee, s-ino I. Emmelkamp en Groningen, s-ro J. Heijstra en Heiloo, s-ino S. Mensen en Middelburg, s-ro F. Polder en Heemskerk kaj s-ino S. van Westrhenen en Bilthoven.
Membroj kiuj membriĝis jam antaŭ 25 jarojn ricevos hejme apartan gratulkarton de la kasisto.

**09. Verloren van Themaat-premio 2009 (pri 2008).**
Parolis Kitty Balk nome de la nova ĵurio (Els van Dijk - Kitty Balk - Kees Hoeijenbos), kiu unuanime decidis ke Wil van Ganswijk meritas la premion pro multjara interreta laborado. Per tiu laboro ŝi atentigis multajn homojn pri Esperanto kaj altiris lernontojn.
Wil van Ganswijk, tute surprizita, dankis la ĵurion kaj akceptis la premion.

**10. Adiaŭo.**
Demisiis definitive la estraranoj Joke Hoobroeckx kaj Alfonso Pijnacker. Els ten Hagen dankis ilin kaj transdonis donacojn.

**11. Diskuto: Kion fari post 2009 ?**
Parolis Hans Erasmus, Hans Bakker, Ko Hammer, Kees Ruig, Wim Jansen, Joke Hoobroeckx, Piet Damman, Marijke Lathouwers, Gerrit Berveling, Ans Bakker, Rudi Koot kaj s-ino Dodebier.
Sekvis diskuto grandparte pri la direkto en kiu la asocio devus iri, pri kunlaborado kun aliaj organizaĵoj kiuj okupiĝas pri la lingvoproblemo, pri agado en la nederlandlingva regiono kune kun la flandroj. Temis pri agadi pli eksteren sed ankaŭ ne forgesi propran ĝuon pere de Esperanto, la lingvo mem, aŭ de la esperantista kulturo.
Konkludo estis ke la estraro nomumu komisionon kiu pristudu la nunan problemon kaj alportu solvon por la estonteco. Hans Erasmus, Kees Ruig kaj Wim Jansen kaj eventuale Rudi Koot pretas esti membro de tiu komisiono. La estraro transprenis la konkludon kaj lasis al ĉiuj anonci sin.

**12. Ronddemandado.**
*Parolis Rob Moerbeek.*
Li serĉas matematikiston por povi kontroli manuskripton. Li atentigis pri diversaj fakoj ene de la Esperanto-movado kaj varbis por NGGE-studotago.

*Parolis Pieter Engwirda.*
Li diris ke ekzistas eblo kune malplikoste vojaĝi per trajno al Bjalistoko.

*Parolis Ko Hammer.*
Li dankis la estraron, nun speciale la kunvenprezidanton. Kiel redaktoro de FEN-X li petis novajn ideojn kaj kontribuaĵojn, ĉar FEN-X estas la forumo de nia asocio.

*Parolis Marijke Lathouwers.*
Por korespondamiko en Kongo ŝi petis vortarojn Franca Esperanto Franca.

*Parolis Ineke Emmelkamp.*
Ŝi informis pri la estonta Faulhaber-semajnfino en Amsterdamo.

*Parolis Hans Bakker.*
Li atentigis pri la lernolibro de sia patro. Estas ankoraŭ 7 ekzempleroj akireblaj.

*Parolis Els ten Hagen.*
Ŝi dankis Johan Swenker, kiu bonege prezidis la kunvenon.

**13. Fermo.**
Je la 13.30h la ĝenerala kunveno finiĝis.
Ionel Onet prizorgis la libroservon.
Posttagmeze estis boatekskurso tra la kanaloj en la centro de Utreĥto. Rudi Koot atentigis en Esperanto pri la vidindaĵoj.

Kompilis Alfonso Pijnacker, sekretario.

## BUĜETO / LABORPLANO 2010

| Elsp. | Ensp. | Laborplano |
|---|---|---|
| 1500 | 4000 | 1.1. Banko / Kapitalo. |

La investpolitiko estas pli etika kaj pro tio ŝanĝiĝis.

| | | |
|---|---|---|
| 0 | 0 | 1.2. Faulhaberfonduso. |

Memstara librotenado. Elspezo laŭ estrara decido.

| | | |
|---|---|---|
| 0 | 0 | 1.3. Mabesoone-Fonduso. |

Memstara librotenado. Elspezo laŭ estrara decido.

| | | |
|---|---|---|
| 0 | 0 | 1.4. Katedro-fonduso |

Memstara librotenado. Elspezo laŭ estrara decido.

| | | |
|---|---|---|
| 1800 | 0 | 2.1. Estraro. |

Planoj por estonto

| | | |
|---|---|---|
| 150 | 8000 | 2.2. Membroj, subtenantoj. |

Administri. Atenti 50- kaj 25-jarajn jubileojn.

| | | |
|---|---|---|
| 1500 | 0 | 2.3. Membro-kunveno. |

Minimume aranĝi unu ĝeneralan membrokunvenon.

| | | |
|---|---|---|
| 0 | 0 | 2.4. Arkivo. |

Deponi materialon se estas. Ans Bakker prizorgas kontaktojn kun IISG.

| | | |
|---|---|---|
| 250 | 0 | 2.5. Goslinga-kolekto. |

Plu ordigi. Ni volonte bitigos ĝin. Kiu helpos?

| | | |
|---|---|---|
| 0 | 0 | 2.6. Esperanto Publike. |

Kolekti artikolojn kaj prizorgi rubrikon en FEN-X.

| | | |
|---|---|---|
| 50 | 0 | 3.1. Kaskontrolo. |

La komisiono kontrolas.

| | | |
|---|---|---|
| 0 | 0 | 3.2. Arbitracio. |

Laboratendo daŭras.

| | | |
|---|---|---|
| 250 | 0 | 3.3. Verloren van Themaat-premio. |

La ĵurio elektas personon.

| | | |
|---|---|---|
| 3000 | 1000 | 4.1. Informado |

Liveri informmaterialon al petantoj, membroj kaj ne-membroj.

| | | |
|---|---|---|
| 3000 | 2000 | 4.2. Instruado. |

Prizorgi skriban kurson. Aranĝi 2 studsemajnfinojn.

| | | |
|---|---|---|
| 5000 | 0 | Subteni kune kun IEI-n la katedron en la universitato. |
| 500 | 0 | 4.3. Utiligado. |

Atento por la biblioteko en la universitato.
Ricevo kaj dissendo de brokantaĵoj.

| | | |
|---|---|---|
| 4500 | 0 | 4.4. FEN-X. |

Eldoni kaj forsendi 6 numerojn, minus eksterlandajn abonantojn.

| | | |
|---|---|---|
| 500 | 0 | 4.5. Retejo. |

Prizorgi la paĝaron.

| | | |
|---|---|---|
| 1000 | 0 | 5.1. UEA. |

Pagi la kotizon. Nia komitatano-A reprezentos nian asocion.

| | | |
|---|---|---|
| 200 | 0 | 5.2. EEU. |

Pagi la kotizon. Estrarano reprezentos nian asocion.

| | | |
|---|---|---|
| 50 | 0 | 5.3. Komerca Ĉambro. |

Pagi la kotizon.

| | | |
|---|---|---|
| 0 | 0 | 6.1. Fakaj sekcioj. |

Eventuala subteno el la Mabesoone-fonduso.

| | | |
|---|---|---|
| 0 | 0 | 6.2. Regionaj sekcioj kaj kontaktpersonoj. |

Eventuala subteno el la Mabesoone-fonduso.

| | | |
|---|---|---|
| 500 | 100 | Ne-atenditaj aferoj. |
| **22500** | **15100** | **Subsumo ( elspezoj maks. 2x la enspezoj).** |
| **0** | **7400** | **Deficito ( maks. 7% el la kapitalo)** |
| **22500** | **22500** | **Finsumo.** |

## MANKAS ESTRARANO, MANKAS SEKRETARIO

Dum preskaŭ unu jaron funkcias la estraro de ESPERANTO NEDERLAND sen sekretario.

Jes, ni havas kelkajn afablajn homojn kiuj pretas protokoli niajn estrarkunsidojn.

Jes, la retadreso de la sekretario funkcias, mi respondas (kvankam mi ne estas la sekretario),

Jes, estas tagordo por estrarkunsido, sed mi faras ĝin.

Jes, certe aperos jarraporto, sed kiu finredaktas ĝin? Ĉu mi?

Jes, provizore ĉio eblas. Sed ankoraŭ alian jaron?

Kiu pretas fariĝi sekretarion? Ni povus daŭre havi specialan protokoliston, sed kiu faras la aliajn sekretariajn taskojn?
Ĉu vi?

## LA VENONTA STUDSEMAJNFINO...

okazos de 12 ĝis 14 marto 2010 en la grupdomo
De Strubben, Hoofdstraat 4, 9443 TJ Schoonloo.
(Drenthe). Informpetoj kaj aliĝoj ĉe: Juri Smolders,
Warmoesstraat 7, 1521 CH Wormerveer,
tel. 075-6123471, aŭ rete:
<studsemajnfino@esperanto-nederland. nl>.
Nur informpetoj: Marijke Lathouwers, Kruiszwin 1205,
1788 LE Den Helder. Tel: 0223-643781,
aŭ rete: <lj. lathouwers@quicknet. nl>

## ESPERANTO PUBLIKE

La ĉefpremion ĉi-foje meritas artikolo en Het Parool de la 16-a de januaro, PS3, “Taal voor een betere wereld”. Sur du paĝoj aperas intervjuo kun Wim Jansen. Li substrekas ke lia katedro pri Interlingvistiko kaj Esperanto traktas Esperanton kiel socian fenomenon kiu meritas sciencan pristudadon. Li ne pledas uzi ĝin por plibonigi la mondon. Tiun titolon iu poste algluis al la artikolo.

Pro tio la artikolo povas eviti la tiklan demandon “Kiel povos sukcesi Esperanto se la angla estas tiel populara?”

Alia granda artikolo faras ĝuste la malon: ĝi substrekas la utilon de Esperanto en la mirinda laboro de Jacques Tuinder por homoj kun vidhandikapo. Dagblad Kennemerland de la 27-a de novembro 2009 tion prezentas tutpaĝe, kun foto kaj retpaĝa adreso.

Niaj kolegoj de Nederlanda Katoliko (NK) kunvenis la 23-an de majo 2009 en Bergen op Zoom por festi sian centjaran jubileon. Pri tio atestas intervjuo kun prezidanto Frans Winkel, kies vortoj “Het Esperanto van Zamenhof blijft een vondst” staras super du paĝoj de BN/De Stem de 22-5-2009. Du fotoj montras la inaŭguron de la Esperanto-monumento en Bergen op Zoom en 1933 kaj la re-inaŭguron post ĝia renovigo en 2000.

La radioprogramo de VPRO “OVT” je la 24-a de januaro 2010 dediĉis duonhoron al la ŝtateto Moresnet, kiu ekzistis de 1818 ĝis 1919 kaj dum sia ekzistado adoptis Esperanton kiel sian lingvon. Kurioza historio!

Mankas ĉi-foje la sukcesoj kiujn Ans Heijstra kutime raportas. Sed persona sukceso ne mankas: Ŝi ricevis du diplomojn : “PR & Communicatie” kaj “Presenteren”, pro kursoj en ‘Horizoncollege’ en Alkmaar.

Gratulojn!

Hans Bakker

## DONACOJ EN 2009

Ĉi tiuj membroj finance helpis ke la asocio povu plufunkcii: Ges. Bakker, s-ro Boerlijst, ges. Bossong, s-ino ter Braak, ges. van Erp, s-ino van Ganswijk, s-ino ten Hagen s-inoj Hemelaar, ges. vd. Hoek, s-ino Hoobroeckx, s-ino v.d. Horst, s-ino van Huis, s-ino van Hulst, s-ro Jurgens, s-ino v.d.Kamp, s-ro Kat, s-ro de Korte, s-ino Kremer, s-ro Moerbeek, s-ino Muizelaar, s-ro Parren, s-ro Polder, s-ro Poptie, s-ro Ruig, s-ino Schaap, s-ino Schouten, s-ro Schuil, s-ino Sipkes, s-ro Smits, s-ro Venhuizen, s-ino de Weerd, s-ino v.d. Weyden, s-ro de Wit, s-ro van Zoest.

**Ili kontribuis ĉi tiujn sumojn:**

| | |
|---|---|
| Ĝenerala kaso | 809,80 eŭroj |
| Informado | 240,00 |
| Mabesoone-fondaĵo | 192,05 |
| Faulhaber-fondaĵo | 75,00 |
| Amsterdama katedro | 1760,00 |

Grandan dankon al ĉiuj donacintoj.

Nome de la estraro: E. ten Hagen.

## ANNIE WESTER 1918-2009.

Ŝi naskiĝis en Harich, malgranda vilaĝo en Frislando, kaj tre ŝatis studi - sed la universitato en ŝia familio estis preter la horizonto. Post la edziniĝo ŝi transloĝis al Zaandam, kiel edzino de laboristo ĉe la urba elektro-kompanio.

Antaŭ ĉ. 60 jaroj ŝi konatiĝis kun Esperanto, per koresponda kurso en la loka gazeto, kaj ekde tiam Esperanto estis por ŝi vere “aminda” kaj amata lingvo. Multajn Universalajn kongresojn ŝi vizitis, kaj ŝi trovis geamikojn en multaj landoj.

En la loka klubo ŝi aktivis kiel estrarano kaj instruisto.

Kiam dum klubkunvenoj ni tradukis ian tekston kaj baraktis kun esprimo preskaŭ ne-tradukebla, ŝi ofte surprizis nin per brila solvo.

Jam dum longe ŝia sano malboniĝis. Al la Zamenhofkunveno, la 15-an de decembro, ŝi ne povis veni pro malsano, kaj la 24-an de decembro venis fino al ŝia vivo.

Kelkaj versoj de la himno “La Espero” ornamis la komunikon pri ŝia morto, kaj komence de la kremacia ceremonio ni aŭskultis la himnon. Por la Esperanto-klubo Ko Hammer memorigis ŝian vivon.

JKH.

## TINIE LANOOIJ - 1915-2009

La 29-an de decembro 2009 forpasis je la aĝo de preskaŭ 94 jaroj Tinie Lanooij.

Dum iom pli ol 50 jaroj ŝi estis fidela anino de la groningena Esperantoklubo kaj de landa Esperanto-unuiĝo. Ŝi lernis Esperanton kune kun sia amikino Riet Heide per kurso en dom’-al-dom’-gazeto en 1957. Ili uzis sian konon ne nur por kontakti kun esperantistoj en Groningen, sed ili partoprenis ankaŭ multfoje la Faulhaber-semajnfinojn en Elspeet kaj Esperanto-kongresojn diversloke en Eŭropo. Ili eĉ partoprenis la kongreson en Kubo. En la klubo la amikinoj ofte kune raportis pri siaj vojaĝaventuroj. Kiam Tinie ne plu povis forlasi la domon kaj poste eĉ ne plu la liton mi jen kaj jen vizitis ŝin. Ĝis la fino restis ŝia intereso por la klubo kaj la klubanoj.

Kvarope, Johan Swenker, Ineke Emmelkamp, Nelly Kiel kaj mi ĉeestis la kremacion, kie mi rajtis mallonge paroli pri ŝi rilate al Esperanto. Ĉiuj ĉeestantoj ricevis ruĝan rozon kaj poste tre bongustan torteton ĉe la kafo, ĉar tio estis ŝia deziro. Ke ŝi ripozu en paco.

Wil van Ganswijk-Vlasblom.

## EMOCIA TRANSDONO DE FESTLIBRO AL HUMPHREY TONKIN

Vidu ankaŭ la redakcian tekston en p. 2.

Sabaton, la 9-an de januaro, okazis en la Centra Oficejo de UEA en Roterdamo varmetosa aranĝo, dum kiu oni transdonis al prof. Humphrey Tonkin la festlibron “La arto labori kune” eldonitan de UEA okaze de lia 70-a datreveno. Prof. Tonkin festis sian naskiĝtagon la 2-an de decembro, sed la festlibro estis publikigita en januaro lige kun lia ĉi-jara vizitado al la Biblioteko Hodler pro sia bibliografia laboro por la usona Asocio de Modernaj Lingvoj.

La transdonon ĉeestis 50 invititaj gastoj, i.a. la estraranoj de UEA, la prezidanto de la Akademio de Esperanto, prof. John Wells, kaj multaj kontribuintoj al la festlibro. Komence de la ceremonio prezidanto Probal Dasgupta prezentis tre personan laŭdacion al la jubileulo, verkitan en poezia formo. Sekvis laŭtlego de gratulmesaĝo de d-ro L.C. Zaleski-Zamenhof al sia “pli juna amiko”.



La redaktoroj de la festlibro, d-ro Ulrich Lins kaj d-ro Detlev Blanke, faris prelegojn, en kiuj ili prilumis la enhavon de la libro. D-ro Lins parolis pri la movada agado de Humphrey Tonkin, dum d-ro Blanke priskribis lian kontribuon al la lingvopolitiko. Poste la korojn de la publiko tuŝis bela interpreto de la poemo “La vojo” de L.L. Zamenhof, deklamata de Wera Blanke.

La programo kulminis, kiam prezidanto Dasgupta enmanigis al sia elstara antaŭulo la imponan 900-paĝan libron, kiu konsistas el artikoloj, eseoj kaj rememoroj de tuta cento da kontribuintoj. Post longa aplaŭdo la emociita jubileulo respondis per dankvortoj al la realigintoj de la librego kaj per omaĝo al multaj aliaj esperantistoj, kiujn li renkontis kaj kun kiuj li kunlaboris dum sia pli ol 50-! jara esperantisteco.



Al Tonkin precipe plaĉis la titolo de la festlibro, “La arto labori kune”, kiel esprimo de la ideo, kiu ĉiam estis al li tre grava en lia agado. Post komuna tosto la ĉeestantoj ricevis la honoron esti la unuaj por akiri la novan libron kaj ricevi por ĝi aŭtografon de Tonkin. La tuta aranĝo estis filmita por la Reta Kinejo de UEA. “La arto labori kune” kostas 60,00 eŭrojn kaj estas mendebla ĉe la Libroservo de UEA kaj baldaŭ ĉe aliaj libroservoj. Mendante ĉe UEA oni ricevas rabaton de 1/3 ekde samtempa aĉeto de minimume 3 ekzempleroj. (Aldoniĝas 10% por la sendokostoj kaj en EU imposto de 6%.)

Gazet. Kom. de UEA N-ro 356 2010-01-09.
*Bildoj: St.Marček.*

# ESPERANTO NEDERLAND FINIS LA ZAMENHOFJARON.

## DONACO AL LA UNIVERSITATA BIBLIOTEKO.



ESPERANTO NEDERLAND finis la Zamenhofjaron per simbola, duonpublika ceremonio en salono de la biblioteko de la Universitato de Amsterdam.

Nian Asocian Bibliotekon de multaj jaroj gastigas la Biblioteko de la Universitato de Amsterdam. Ĝi ne estas kompleta: ne ĉiuj eldonoj en Esperanto - ĉu temas pri originalaj verkoj ĉu pri tradukoj - troviĝas en la biblioteko. Simple en la Asocio mankas la mono por zorge aldoni ĉiujn eldonaĵojn. Malgraŭ tio ni klopodas aktualigi la enhavon per esencaj verkoj. Esencaj en unu el la multaj kategorioj.

Tial reprezentantoj de ESPERANTO NEDERLAND transdonis kelkajn librojn al la Universitata Biblioteko, la 15-an de decembro 2009, je la 150-a datreveno de la naskiĝo de Zamenhof.

Ili estis Ans Bakker ten Hagen, peranto inter la universitato kaj la asocio, Els ten Hagen-Renses, membro de la estaro, kaj la membro Benata Hengstmengel-Koopmans, kiu tradukis unu el la transdonataj libroj. Prof. Wim Jansen akompanis la transdonon per klariga prelego.

Pro la Universitato ĉeestis: Lic. Steph Scholten, direktoro de la fako heredaĵo, Lic. Garrelt Verhoeven, la ĉefkonservisto, kaj Lic. Klaas van de Hoek, konservisto de manuskriptoj.

Ans Bakker transdonis al la ĉefkonservisto de la Universitata Biblioteko kelkajn librojn, dividitaj en paketoj laŭ diversaj specoj, kiuj simbolas la trezorojn el nia originala kaj tradukita verkaro, prozo kaj poezio.

Ni kompletigis nian Bibliotekon i.a. per kelkaj lastaj eldonoj de Ludovikito. Tiel agante la Asocio honoras la deziron de sia - mortinta - membro d-ro Roelofs, kiu heredigis sumon al ESPERANTO NEDERLAND por ke la Biblioteko enhavu la kompletan serion de verkaĵoj/korespondaĵoj de kaj kun la iniciatinto de Esperanto: d-ro L.L.Zamenhof. Krome ni transdonis librojn el la serio Oriento-Okcidento.

Inter tiuj la titolo "Ŝvejk, Aventuroj de la brava soldato Ŝvejk dum la mondmilito" kaj la ĉina verkaro "Ĉe Akvorando", verkaro kiu konsistas el tri volumoj. Aliaj titoloj en tiu serio: "Antologia Latina". Tri volumoj el kiuj aperis la tria volumo ĝuste unu semajnon antaŭ la oficiala transdono. "Leteroj de Paŭlo kaj lia Skolo" estas numero 39 en la serio Oriento-Okcidento. Ankaŭ ĝin oni aldonis al la Asocia Biblioteko. La Antologio kaj la parto el la Nova Testamento estas tradukitaj de la nederlandano Gerrit Berveling. Por ilustri la multflankan talenton de li, la Asocio aldonis diversajn verkojn de li tradukitajn. Ankaŭ originala prozo (ekzemple "Ajnasemajne" kaj "Vojaĝimpresoj el Siberio kaj Japanio" kaj poemoj "Kanto pri Minotaŭro kaj aliaj poemoj" kaj "Odoj & aliaj poemoj") baldaŭ troviĝos en la katalogo de la Universitata Biblioteko. Gerrit Berveling, prezidanto de ESPERANTO NEDERLAND, ne povis partopreni en la ceremonio. Des pli aliaj ĉeestantoj povis laŭdi lian eruditecon, kiun oni konstatas el liaj tre diversflankaj verkoj.



Bildlibroj aldoniĝis por montri ke ĉiuterene eblas praktiki Esperanton. La freŝa traduko de "Paolo, la lernanto de Leonardo da Vinci" montris eron el la libraro por junaj legantoj. La tradukinto, Benata Hengstmengel-Koopmans, ĉeestis la ceremonion.

Ĉar temis pri ceremonio kiu rilatis al la Zamenhof-jaro, du libroj simbole ilustris la homan genion de la kreinto de Esperanto. Ili estas "La Homo kiu defiis Babelon" kaj "Sed homoj kun homoj". Temoj pri la unika persono kaj la unikaj kunvenoj kiujn ebligis lia kreaĵo. Kunvenoj kiujn la esperantistoj daŭrigas malgraŭ katastrofoj kiel mondmilitoj. La Universalaj Kongresoj kiuj ĉiam denove por la ĉeestantoj estas emociaj eventoj. Ĉe la inaŭguroj ĉiu el la partoprenantoj sentas sin iomete Zamenhof en la historia jaro 1905.

Wim Jansen (profesoro doktoro inĝeniero W.H.Jansen), akademia profesoro pri Interlingvistiko kaj Esperanto en la Universitato de Amsterdam, invitita de la Asocio, enkondukis la transdonon de la libroj.

Liaj vortoj interesis la reprezentantojn de la Universitata Biblioteko, kiuj faris plurajn demandojn kaj malatentis la horloĝon. La veraj interesiĝantoj tamen devas esti la esperantistoj mem, kiuj povas serĉi multajn interesajn librojn per la interreta katalogo. Por tio uzu la adreson <www.uba.uva.nl>.

La kunveno finiĝis per subskribo de la transdona kontrakto fare de S-ro Scholten kaj Els ten Hagen-Renses. Per ĝi la Universitato promesas bone gardi la librojn de Esperanto Nederland, ebligi porpublikan konsultadon metante la titolojn kaj aŭtorojn en la katalogo.

Ans Bakker-ten Hagen, kunordiganto / red. JKH.
*Bildoj: Benata Hengstmengel kaj Ans Bakker.*

## LA AMSTERDAMA KATEDRO

La Amsterdama Katedro estas kvaronjara retbulteno, kiu informas pri ĉiuj agadoj, rekte ligitaj al la speciala katedro pri Interlingvistiko kaj Esperanto ĉe la Universitato de Amsterdamo (UvA).

**Freŝa bulteno aperis la 10-an de januaro 2010.**

La 15-an de decembro okazis la konkluda ekzameno, per kiu finiĝis la unua-semestra kurso pri interlingvistiko, komenciĝinta la 1an de septembro 2009 kun 15 studentoj.

La duasemestra Esperanto-kurso komenciĝis la 2-an de februaro 2010. La (bakalaŭra) kurso estas proklamita en: <http://studiegids.uva.nl/web/sgs/nl/c/7731.html>. En la momento de redaktado de tiu ĉi bulteno registriĝis 19 studentoj. La lekcioj okazos ĉiun mardon inter la 11-a kaj 14-a horo en la salono C3.05 de Oudemanhuispoort.

La Esperanto-kurso estas reklamata ankaŭ en la luksa broŝuro de la t.n. Illustere School, la pagenda kursaro proponata de la Humanisma Fakultato al la ĝenerala publiko.

Pro aliaj taskoj haltis dum kelka tempo la projekto pri elnederlandaj pruntaĵoj, kiuj ekzistas neologisme aŭ prunttraduke en Esperanto. La laboro, kiu plenumiĝas parte hejme parte en la biblioteko de IEI, rekomenciĝis en januaro 2010.

**Aliaj plenumoj**

De kiam la kolekto de la universitata biblioteko pri interlingvistiko, esperantologio kaj interlingvistiko estis detale kaj elektronike katalogita, la perreta aliro al la kolekto estas rapidigita kaj simpligita. Navigu unue al: <http://cf.uba.uva.nl/nl/>. De tiu bonveniga paĝo jam eblas alklaki 'UvA catalogus' kaj serĉi libron, uzante la eblojn de la prezentata serĉ-roboto. Alternative, oni povas alklaki 'Geavanceerd zoeken' kaj de tie apliki diversajn filtrilojn, inter kiuj vi povas elekti la lingvon 'Esperanto'.

Pliaj fajnigoj estas atendataj laŭ promeso de la responsuloj de la kolekto okaze de la ceremonia transdono (la 15-an de decembro 2009) de valoraj pliampleksigoj de la kolekto, kiu konsistas grandparte el la libraro de la Landa Asocio de UEA, kiun UvA stokas kaj mastrumas por ĝi.

· La 10-an de oktobro 2009 WJ laborigis la publikon de la Faulhaber-Konferenctago, organizita de Esperanto Nederland, kaj submetis ĝin al kelkaj taskoj el sia ampleksa enketo pri la vortordo en Esperanto, uzita antaŭe en Roterdamo, Antverpeno, Lille kaj Eindhoven. La rezultoj aperis en tutpaĝa artikolo en Fen-X 2010/1, paĝo 9.

· La 19-an de novembro WJ prezentis la t.n. Buchanan-prelegon en la Universitato de Liverpolo. La prelego konsistis el koncizigita kaj iom adaptita anglalingva versio de la Amsterdama festparolado de la 4a de septembro. Pri la eventuala publikigo de la anglalingva teksto kaj ĝia Esperanta traduko decidos la britaj invitintoj, t.e. la Universitato de Liverpolo kaj EAB.

· La 13-an de decembro WJ prelegis pri la zamenhofeco de la Lingvaj Respondoj okaze de la Zamenhofa kunveno organizita de la amsterdamaj esperantistoj. La gvidlinioj de la prelego estis: 1) rekono kaj ĝustigo de eraroj faritaj de Zamenhof mem; 2) konsiloj surbaze de la uzo kaj kutimoj; 3) kuriozaĵoj; 4) eraroj ne korektitaj, sed enkondukitaj de Zamenhof; 4) nezamenhofaj strangaĵoj en la lasta eldono de Lingvaj Respondoj.

(La supran tekston la redaktoroj ĉerpis el la bulteno.)
Kiu volas pliajn informojn reagu al:
<wimjansen@casema.nl>.

## LA MONKOLEKTADO DE EDUKADO.NET

Post la alveno de ĉiuj jarfinaj konteltiroj, ni fine sukcesis kunmeti la financan raporton pri la monkolekta kampanjo, kiun edukado.net lanĉis la 22-an de majo 2009, kun la celo ebligi la rekonstruon de la endanĝerigita paĝaro.
La kampanjo montriĝis tre sukcesa, jam kolektiĝis pli ol 30 mil eŭroj, ĉ. 90 procentoj de la necesa sumo.
La raporto kaj la plena listo de la subtenintoj legeblas nun en la retejo.
La konstrulaboro bone progresas kaj la rekonstruita paĝaro povos ekfunkcii antaŭ la somero.
Ni tutkore dankas ĉiujn, kiuj helpis.
Legu pli la diversajn dokumentojn en la Subtenpaĝo:
<http://www.edukado.net/pagina/
Subtenu+nin%21/14097/>.

Amike salutas vin:
Katalin Kováts, redaktoro.

## HELPU VIAN ASOCION...

Se vi ne jam faris tion, vi nun pagu vian kotizon por 2010 al konto 78 68 44 167 de Esp.Nederland, Heerhugowaard. Plena kotizo EUR 27,50, samhejmano EUR 8.-
Por membroj de NEJ: EUR 13,75, samhejmano EUR 4.
Abono al Fen-X por eksterlandano EUR 15,-.

## ZAMENHOF-FESTO EN HAGO.


*Katinjo Fetes*

La 12-an de decembro 2009 Andreo Cseh-Domo, Riouwstrato 172, trian fojon gastigis esperantistojn por la Zamenhof-Festo. La prezidanto de Internacia Esperanto-Instituto bonvenigis la partoprenantojn el kvar landoj, i.a. Aŭstrio, Francio, Belgio.

La unua ĉefparolantino, Katinjo Fetes, kunlaboranto de la viena radio, prelegis pri la temo "Vizite ĉe Baghy kaj Kalocsay". Ambaŭ poetojn ŝi intime konis. Surprizo estis la aŭdigo de la voĉo de Julio Baghy.

La promenado al restoracio por komuna lunĉo donis eblon, malstreĉi la krurojn kaj interbabili.

Ne mankis distra ero. Posttagmeze Els van Dijk prezentis kvizon pri la historio, proverboj kaj gramatiko de Esperanto. Sekvis prelego pri Haydn. Katinjo lumigis per bildoj kaj muziko la vivon kaj verkojn de la komponisto. La lasta punkto de la programo enhavis la montradon de profesiaj filmoj, subtitolitaj en Esperanto: projekto de junaj esperantistoj. Kukoj, kafo kaj teo ornamis ĉi tiun festotagon.

Dankon al ĉiuj kontribuintoj.

Els van Dijk

## JOSEPH BICINGINI.

Meze de januaro Joseph denove raportis pri sia vivo al Luit Staghouwer.

Imponaj estas la daŭraj zorgoj, kiujn rifuĝintoj havas pri sia statuso kaj do pri sia sorto. Joseph sciigis i.a. jenon:

"Mi ricevis leteron de la pola registaro, kiu sciigas al mi ke la nova lim-dato por pritrakti la peton de statuso de rifuĝinto estas la 05-a de februaro, do baldaŭ. Ekzakte je tiu dato mia peto atingos 2 jarojn. Mi denove esperas ke io okazos baldaŭ. Post kelkaj tagoj venis alia letero el la sama oficejo. Tiu ĉi temis pri respondo al letero sendita al ili (verkita de la advokato) por peti mian pasporton cele solvi la problemon de la bank-konto."

En la konto i.a. estas sumo, kiun sendis la fondaĵo Evidente, por helpi la gefratojn kiuj havas vid-problemojn.

Intertempe Joseph klopodas fari sian studon kiel eble plej bone, kaj li danke salutas al ĉiu kiu helpas lin.

Joseph Bicingini Apasa,
al. Politechniki 11, PL-90-924 Lodz, Pollando.

## NOVJARA SALUTO

De maljuna paro en Hungario ni ricevis la suban saluton:

Antaŭ kvardek jaroj, somere gastigis min nederlandaj gesamideanoj, ĉe kiuj mi fartis bonege. Min gastigis tiam: sinjoroj Leendert van Duijn, Jaap W. Katoen en Rotterdam, kaj la familio de sinjoro Gerard Roelofs en Amsterdam. Mi neniam forgesos ilian gastoamon kaj vian belan landon, kiun ili montris al mi dum mia tri-semajna restado.. Mi deziras al vi kaj al la popolo nederlanda tre agrablan Kristnaskon kaj feliĉan, ĝojplenan prosperan 2010-an jaron.

Vi, karaj samideanoj, restu ĉiam entuziasmaj dum via poresperanta laboro!

Elkore mi salutas vin kune kun mia edzo:
sinjorino Adrienne Földi-Pásztor (Adri Pásztor)
el Miskolc, Hungario. <http://kiralylajos.extra.hu>.

## SALUTO EL FRANCIO.

Ni estas kelkaj personoj, kiuj lernas Esperanton, jen io komuna inter ni!

Ni loĝas en Arjeĝo, (Ariège), regiono de suda Francio, kiu situas ĉe la Pirenea Montaro apud Andoro kaj Hispanio.

Hodiaŭ ni deziras konatiĝi kun kelkaj esperantistoj de aliaj landoj por montri al niaj samregionanoj, ke Esperanto estas utila, universala, paca lingvo respektanta ĉiujn kulturojn de la Mondo. Kompreneble ni esperas plurajn respondojn, inter tiuj la vian eĉ se mallonga !

De unu monato ni bonŝancas: ni sukcesis havigi al ni unuhoran elsendaĵon ĉe la loka radio. Se vi pri tio konsentas, viaj retmesaĝoj al ni estos disaŭdigataj de niaj radi-animantoj.

Tiel ni pruvos al ĉiuj, ke Esperanto estas vivanta lingvo, parolata de multaj personoj tra la mondo. Eble tio instigos kelkajn aŭskultantojn malkovri tiun belan, utilan, internacian lingvon.

Ni bondeziras al vi kaj al viaj proksimuloj, ankaŭ al via loka esperantista klubo agrablajn jarfinajn festojn. Ĉion bonan por la Nova Jaro al ĉiuj viaj samlandanoj !

Ni elkore antaŭdankas vin mem (aŭ konatulon vian) pro respondo.

Samideane viaj. Ĝis tre baldaŭ.
La Esperantista klubo de FOIX-PAMIERS:
ESPERANTO-FOIX , <esperanto-foix@laposte.net>.

## LIBRO-TAGO EN IEI

Internacia Esperanto-Instituto denove organizas sub gvido de Ed Borsboom tagon de libro-legado. Tio okazos sabaton la 27-an de marto 2010 en Riouwstraat 172, Hago. Akcepto kaj kafo 10.00-10.30 kaj fino je 17.00 horo.

**Matene ni pritraktas jenajn librojn:**

En Ĉinio batalanta (Verda Majo),
Bakŝis (Newell),
Oni ne pafas en Jamburg (Bronstejn),
Se grenereto (Sturmer),
Ombro sur interna paĝo (Štimec).

**Tagmeze lunĉo eksterdome.**

**Posttagmeze:**

Kiel akvo de l' rivero (Schwartz),
Avinjo (Clelia Conterno),
Auli (Adamson),
Hetajro dancas (Urbanová),
La ŝtona urbo (Löwenstein).

Kostoj 28,-, inkluzive materialon kaj lunĉon, pagendaj ĝis la 22-a de marto sur konto 162626 de "IEI Den Haag", kun mencio "marta librolegado". Koran bonvenon.

## SERĈATAS AŬTOROJ KAJ ADMINISTRANTOJ

Ni invitas vin rigardi la TTT-ejon:
<http://filmoj.net/serĉatas-aŭtoroj>.

La filmoj publikigataj ĉi tie devas enhavi priskribon, filmbildojn, afiŝojn kaj reklamfilmetojn. Por fari tion pli kvalite kaj por plioftigi la aperon de filmoj, mi invitas al kunlaboro aŭtorojn kaj administrantojn.

Kion faras aŭtoroj en Verda Filmejo?

1. Ili esploras informojn pri la koncerna filmo, datumojn de produktado, interesajn informojn. La filmon ili povas elekti el la Listo de aperontaj filmoj (kiu nuntempe pligrandiĝis ĝis 40 filmoj).
2. Ili faras priskribon por la filmo.

Kion faras administrantoj en Verda Filmejo?

1. Teknikan prizorgadon de filmoj
2. Faradon de filmbildoj
3. Kompletigon de filmafiŝo por Verda Filmejo, aranĝado de blogafiŝo

Ankaŭ via helpo kiel:

1. redaktanto
2. tradukanto
3. PHP-programisto
4. provleganto

estus ege valora.

Por iĝi aŭtoro aŭ administranto bezonatas NUR VIA DEZIRO okupiĝi pri filmoj en la plej granda kolekto de filmoj en Esperanto.

Douwe Beerda.Tel.: 06-36141205,
<Douwebeerda@gmail.com>

## KELKAJ PRINCIPOJ

Por ebligi al ĉiuj plezuri en la relative mallonga vivo, necesas daŭra memkorektado pri siaj agoprincipoj, interalie kiel rilati kun aliaj. Do lasi al ĉiu memdecidon kaj nur rekomendi, konsili kaj, se necese, helpi, tamen ne aŭtoritatetrude sed provante dialogi laŭ la "all-win"-pricipo de Pim van Monsjou kaj Lisinka Ulatowska. Kontraŭ la anglaĵo jam oponis mondfederista pioniro Chris van Huizen, proponante nederland-lingvigon, kiun eblas traduki per "GAJNO-POR-ĈIU". Temas pri tiu universala bono el kiu profitu la homaro, flaŭro kaj faŭno, la tuta tero kaj kosmo kiel vivaj unuoj, al kies bonfarto kontribuu ĉiu homo per tim-liberiĝo kaj malfermiĝo al la ĉiea energio. Tiun movadon mi ekkonis, tra la mondfederismo, en la diskutcentro "Emma" en Utreĥto, kien Floris Methorst, edukestrarano de NVVN (Nederlanda Asocio por UN), venigis la Unesko-bibliotekon, kiam kolapsis la nederlanda Unesko-centro. Kunlaboras tie specialisto pri alternativa energio, Leonard Kater, kiu partoprenadas diskutgrupon de WFBN (nederlandaj mondfederistoj) pri monda jura ordo. Ĵus okazis ĉe "Emma" interesega prezento kun diskuto pri alternativaj urboj ("transition towns" en la origina lando Britio), kie kvino da iniciatantoj el diversaj sociaj grupoj fondas malferman kunlaborantaron, ekz. por aldona loka monunuo por servo-interŝanĝo ("noppes" en Amsterdamo), legomĝardena projekto por havigi sendanĝerajn nutraĵojn al siaj infanoj kaj si mem, oni eĉ cedas al senagraj malriĉuloj parton el sia propra ĝardeno, kaj por kvartalsekurigo k.s. (Bessie Schadee, konata pro "Indiĝenaj Dialogoj", nun informadas pri "Weet wat je eet": sciu kion {o}ni manĝas. Skandale, kion oni ofertas por konsumi!)

Sed mia ĉefa punkto estas ke mi havas devigajn normojn kaj argumentojn por okupiĝi, sed devas subpremi la misiemon trudi tiujn "raciajn" argumentojn al miaj principe liberdecidaj kunuloj: eblas nur rekomendi kaj certe ne instigi jam strebantajn (tiun konsilon mi legis interlinie jam ĉe Homero!)

Por mi estas racie ke mondlingvano okupiĝu pri mondaj problemoj: tro-naskado (ne tutmonde: ĝeneraligo ĉie insidas!) malebligas plenumon de unu el la homaj rajtoj: libera migrado kaj ekloĝo kie ajn. "Postulas" (!) kompletan individuan kondutŝanĝon aŭ, se vi preferas, "ŝanĝon de la paradigmo" la sekva trokonsumado, elĉerpo de teraj krudmaterialoj kaj aliaj resursoj, koste al estontaj generacioj, nin mem detruanta poluado (ĉiam pli da novaj malsanoj, klimatŝanĝo: (mia ideo ke la fandiĝantaj glaĉeroj el Gronlando puŝadas suden tiom da malvarmo, ke nia tersurfaca temperaturo provizore povas nur alporti vintran malvarmiĝon, estas science iom riska!).

Do mi forte rekomendas ke niaj kluboj kaj izolaj esperantistoj pristudu kaj diskutu novan Esperanto-libron, laŭ mi la plej gravan el 2009: "Plano B. Mobilizo por savi civilizacion" de Lester R. Brown, tre konata aŭtoro, en lingve bona traduko de tuta teamo.

Bedaŭrinde sen atento pri la jam oficialaj tradukoj (agnoskitaj de UN mem!) la mirige aktiva Vilhelmo Lutermano kolektis okon da ĉartoj, deklaracioj, traktatoj de UN, pri la homaj rajtoj, tiuj de infanoj, handikapitoj – mankas tiuj de bestoj! – kaj indiĝenaj popoloj. Kaj li ne memoris la rekomendon de la Komitato, ke antaŭ ol publikigi oni provlegigu manuskriptojn al alilingvaraj esperantistoj. Almenaŭ pro la enhavo "Ĉarto de la Unuiĝintaj Nacioj …" ja valoras. Kaj feliĉe la direktoro de la Centra Oficejo de UEA, Osmo Buller, promesis ke la oficialaj aŭ almenaŭ kompetentaj tradukoj de Eskil Svane k.a. estos konsulteblaj interrete. Ni atendu la koncernan gazetaran komunikon!

NGGE jarkunvenos la 20-an de marto en la Centra Oficejo de UEA: ni atentos interalie la ILEI-konferencon en Kubo kaj petas UK-anojn konsideri partopreni ankaŭ ĝin antaŭ la UK, ĉar niaj apartaj rilatoj kun kubaj kolegoj fakte bezonas pli-ol-unukapan partoprenon por reprezenti la nederlandajn Esperanto-instruantojn.

Petu informojn pri ĉi tiuj temoj de Rob Moerbeek,
Zwaansmeerstraat 48,
1946 AE Beverwijk,<r.moerbeek@online.nl>.

## INSTITUTO ZAMENHOF, TOGOLANDO: SEKCIO ALKMAAR SUBTENAS.

La sekcio Alkmaar kunvenis la 21-an de decembro. Ekstere kuŝis dika neĝotavolo, sed en la kunvenejo Ans Heijstra vendis kompaktdiskojn kun Afrika muziko. La profiton, 50 eŭrojn, ŝi destinis por Instituto Zamenhof en Togolando. Tio ebligos al unu plia infano viziti la faman lernejon.

Bonega komenco de la nova jaro!
Vi povas vidi kaj legi multon per la adresoj:
<www.eenschoolintogo.nl>
<http://www.internacia-gazeto.com/lernejo-zamenhof/tabelo.htm>.

## KUNVENOJ EN GRESILLON.

**FRINGOJ - 4-a Festa Renkonto INternacia de GeknabOJ (17-24 aprilo 2010)**

legu pri ĝi:
<http://gresillon.org/IMG/pdf/PrezentoFringoj2010.pdf>.
Esperanto laŭ matematika vidpunkto, kurso gvidata de Christian RIVIERE. (27 aprilo -1 majo 2010).




Celo: Analizo kaj instruado de Esperanto laŭ maniero pli adekvata al homoj matematikemaj aŭ logikemaj. Debato pri diversaj temoj rilataj al Esperanto, al matematiko aŭ preferinde al iliaj komunaj karakteroj, pensmanieroj...
Someraj kursoj okazos de 14 julio -14 aŭgusto 2010.
Bonvolu rezervi liberan tempon.

## ZAMENHOF-MONUMENTO EN HERZBERG.

Je la 15-a de decembro 2009 la ĉefo de Herzberg-am-Harz, urbestro Gerhard Walter kune kun Petro Zilvar inaŭguris la belan Zamenhof-monumenton. La postamento estas el nigra marmoro kaj la Zamenhof-busto el blanka marmoro. Ĉinaj artistoj kreis la eksterordinaran memorigilon pri la kreinto de Esperanto.



Ni devas danki al prof. LEE Jung-kee el Koreio, kiu peris la kontaktojn al vere kompetentaj ĉinaj esperantistoj, kiel prof. Semio, s-ino Jadobela kaj ĉefe al samideano Chielismo. Esperantistoj el ĉ. 15 landoj helpas ĉe la kunfinancado de la grava memorejo. Ili akiras belaspektajn subvencikvitancojn (Zamenhof-Briketojn) je valoro de po EUR 50,00. Bv. ankoraŭ subteni la financadon por la eksterordinara monumento.

Ĉ. 50 homoj partoprenis ĉe la inaŭguro de la Zamenhof-monumento apud la t.n. akvorado kaj piedira zono de Herzberg. Ĉeestis reprezentantoj de la partioj, lernejestroj, pastoroj, reprezentantoj de aliaj kulturorganizaĵoj, Esperanto-parolantoj ktp. Poste en la kavalira salono de la kastelo Herzberg ni festis la rondciferan naskiĝdat-revenon de d-ro Ludoviko Lazaro Zamenhof. En la fono de la kavalira salono pendis grandformata Zamenhof-pentraĵo, kiu certe estas artisma unikaĵo.

Urbestro Gerhard Walter kore bonvenigis la reprezentantojn de la gazetaro, la urboradion Göttingen, ĉ. 70 gastojn. Otto Kern bonege prezentis la festparoladon pri la humanismaj idealoj de Zamenhof el la plumo de Aleksander Korĵenkov el Kaliningrado, Ruslando, kiu pro malsaneco bedaŭrinde ne povis veni.

La gimnazia koruso sub gvido de la muzikinstruisto Christian Gödeke kantis i.a. la Eŭropan himnon kaj la Esperon. Ulrich Kohlrusch prezentis piane zorgeme elektitajn muzikpecojn de famaj komponistoj.

Personaj salutvortoj venis i.a. de Alvaro Cortez el Hamburgo nome de HES, de la estrino de Futurateliero Gesine Langenkamp, de la direktoro de la gimnazio s-ro Hans-Joachim Bötel, la prezidanto de la kastela subtenasocio, s-ro Lutze, la prezidanto de la hejmurba kaj historia asocio, s-ro Bührmann. La lasta aparte bonvenigis Esperanton kaj esperantistojn en Herzberg-am-Harz la Esperanto-urbo, ĉar ĉi tie estu nun nova bonveniga tereno por Esperanto kaj esperantistoj el la tuta mondo. Tion li plenkore deziris je la nomo de la grava surloka asocio. Per longa aplaŭdo la geesperantistoj dankis pro la sincera bondezirado. Ankaŭ s-ro Lutze emfazis, ke Esperanto sentu sin bone kaj hejme en la kastelo Herzberg, lulilo de la Welf-dinastio.

La multaj alvenintaj skribaj salutmesaĝoj, ekz. de s-ro Zaleski-Zamenhof, nepo de Zamenhof, prof. Selten, Nobel-premiito, la estraro de UEA, d-ro Rudolf Fischer, prezidanto de GE kaj aliaj gravuloj bone manifestas, ke la starigo de tiu monumento estis grava paŝo ne nur por la Esperanto-urbo, sed por Germanio kaj la tutmonda Esperanto-movado.

Estis aparte bela momento kiam Peter Zilvar transdonis originalan poŝtkarton kun persona subskribo de d-ro L.L. Zamenhof el la jaro 1904 al s-ro urbestro Gerhard Walter, kiu tre ĝojis kaj dankis pro la nova rara muzeovaloraĵo, kiu nun apartenas al Herzberg. Ni ŝuldas dankon al la donacinto s-ro Helmut Rössler el Edenkoben,

En la kastelo, en bele dekoraciita angulo de la kastela muzeo ekde la 15a de decembro estas ekspoziciataj interesaĵoj pri la vivo kaj verkoj de Zamenhof. En vitrino kaj vitro-kestoj estas videblaj multaj objektoj el la kolektaĵoj de Peter Zilvar kaj Interkultura Centro Herzberg. Estas grava atingaĵo, ke en tiu publika, konstante vizitebla loko estas nun admireblaj bildkartoj, poŝtkartoj, gazetoj, libroj kaj diversaj memorobjektoj rilate al d-ro L.L. Zamenhof. La oficiala inaŭguro sekvos, la ekspozicio estos vizitebla de januaro ĝis aprilo 2010. Bonvenon!

## FILATELO




"Ankaŭ la Esperanto-asocio HIRUNDO en TIENEN, Belgio en aprilo 2009 eldonis sian propran poŝtmarkon, laŭ ideo de Pieter Dewever kun portreto kiun desegnis Georges Bollens. Mirige estas ke mankas la valor-indiko...?"

Tio estis en la antaŭa numero de Fen-X.

El Belgio venis klarigo kiun mi kiel eble plej klare prezentas en Esperanto. Oni pagas la afrankon per, ni diru, "poentoj", unu poento por normala letero ĝis 50 gramoj, du poentoj por pli peza letero kaj tiel plu.

Por la poentoj estas tri tarifoj: enlanda poŝto (EUR 0,49), poŝto al Eŭropo (EUR 0,90) kaj poŝto al la resto de la mondo (EUR 1,05). Kaj sur la poŝtmarko el Tienen oni vidas la indikon 1 - ĝi do valoras 49 cendojn, kaj taŭgas por simpla enlanda letero ĝis-50-grama.

## VIVOVERO DE VIRINO

En 2009 Editura Triade en Rumanio eldonis de Carmen Cassinis Vivovero de Virino, Memoraĵoj (1895-1920), ISBN 978-973-8313-65-1.

El la itala tradukis Filippo Franceschi (Sen Rodin) En la enkonduko la tradukinto klarigas kiel Carmen Cassinis, lia patrino, laŭpete diktis sen kronologia sinsekvo epizodojn de sia vivo. Tiel malfermiĝas al la leganto mondo fora laŭ tempo kaj etoso: kia estis la vivo de itala knabineto en granda familio de kuracisto, kies frua morto lasis la vidvinon kaj gefilojn en tre malriĉaj kondiĉoj. Tamen la libro spiras grandparte optimismon, ĝuon de malgrandaj ĝojoj. Studo, rezigno pri kantistina kariero, unua amo, efikoj de la unua mondmilito, edziniĝo, ĉio estas rakontita en trankvila stilo. La traduko estas bone legebla malgraŭ kelkaj malglataĵoj.

Anneke Schouten-Buijs

## AŬTORO JE VERE MONDA NIVELO

**Trevor Steele: Kvazaŭ ĉio dependus de mi.**



Mi pensis, ke jam iom mi scias pri la historio de l' 20-a jarcento; mi pensis, ke jam iom mi legis pri ambaŭ grandaj militoj, kiuj vundis nian kontinenton tiu-jarcente, pri la sensenceco de la interbuĉado de la Unua Mondmilito, pri estiĝanta Naziismo k.s.; eble mi eĉ pensis, ke mi jam legis pri tio tro, sed mi konstatis, ke denove mia korpo reagas harhirtige: Trevor verkas terure – terure realec-proksime, terure timtremige: oni kunvivas la riskan periodon, kiam Berlino ne nur estis kulturbredejo de Eŭropo plej riĉa, sed ankaŭ nesto de vipuroj plej hida.

Oni aŭskultas la raportaĵojn el fora Aŭstralio, el tempo multe pli posta pri grupo ĉirkaŭ maldekstrema revueto Novaj Folioj (la „kajeroj", kiel amplene oni nomas ilin): legante, oni kunvivas, kunvidas disvolviĝantan memkonscion de junuloj, ŝanĝiĝantajn sintenojn en la socio, ekeston de minacoj kaj danĝeroj ktp. Trevor denove malkovras por ni, kio estis la 20-a jarcento.

Kaj en tio li ne nur estas majstra manipulanto (li pardonu la esprimon) pri la montrado de diversaj bildoj, scenoj, kiuj kompletigas unu la alian: ili kuniĝas en impona klimakso. Kaj samtempe li estas stile tre zorgema, ne uzas superfluajn neologismojn, sed, aliflanke, ankaŭ ne nepre limigas sin je minimumo. Almenaŭ mi estas kontenta, ke foje eĉ kelkajn vortojn li uzas nacilingve por iom „kolorigi" la medion. Nur unu veran bedaŭrindaĵon mi trovis: sur paĝo 181 la faman pacifisman romanon Im Westen nichts Neues el 1929 de E.M. Remarque li nomas piednote Nenio nova el okcidento, sed efektive ĝi aperis en Esperanto jam samajare sub pli ĝusta titolo: En okcidento nenio nova. Parenteze, la malmultaj piednotoj ie tie tute ne bremsas la legadon, male: ili utilas. Estas bonvene eĉ en romano legi spicajn detalojn.

**Granda ĵurnalisto**

La rakontata tempo de la verko iras de "antaŭ la Granda Milito, nun nomata la Unua Mondmilito" (paĝo 15) ĝis en la nunon de la rakontanto, 1990 (paĝo 9). Tiu nuno daŭre rolas fone, kaj tial ne temas pri nur „denove historia romano pri tiuj militoj". Sed la vera temo estas la personeco de vere granda ĵurnalisto, kia li estis – ĉi Kurt en la romano, la viro, kiu rifuzis eskapi, kiam naziismo ekregis, simple ĉar li kredis, ke „mi devas agi kvazaŭ nun ĉio dependus de mi". La rakontisto, al kiu ni ŝuldas tiun ĉi verkon, intencis omaĝi al Carl von Ossietzky, unu el la fruaj viktimoj de la terora reĝimo de Hitler, kaj al lia brila kunbatalanto Kurt Tucholsky. Li gratulinde brile sukcesis.

Foje oni kvazaŭ vidas la inteligentan grimac-rideton, kun kiu Trevor – negermano – skribas: „negermanaj legantoj eble bezonas iom da klarigo" (paĝo 91) por doni vere senchavan klarigon. Kelkfoje li eĉ eksorĉas ĉe mi – naskita dum la lasta periodo de l' milito – el obskuraj anguloj de la cerbo etajn memoraĵojn pri tiu fora tempo.




Se Trevor ne jam delonge pruvis sian staturon – ne de simple unu inter la Esperanto-verkistoj, da kiuj nuntempe ni havas plurajn manplenojn, sed de aŭtoro je vere monda nivelo, tiam certe nun tion li montris.

Gerrit BERVELING

Trevor Steele: Kvazaŭ ĉio dependus de mi. Eld. Flandra Esperanto-Ligo, Antverpeno, 2009. 344 paĝoj kudre binditaj. ISBN 978-90-77066-41-6.
Prezo ĉe FEL: bindita libro: 19,20 eŭroj + afranko;
e-libro: 11,50 eŭroj.

## ILEI-KONFERENCO EN KUBO

**Neforgesebla semajno atendas vin en Kubo.**

Julio 11 (dimanĉo) ĝis julio 17 (sabato), 2010 en hotelo Canimao, Matanzas.
La konferencejo provizos per loĝigo kaj manĝoj por la konferencanoj, kaj disponigos konvenajn salonojn por preskaŭ ĉiuj eroj de la programo.
Ni nun kompilas proponojn por la konferenca temo, konsiliĝante kun UEA kaj konsiderante la proklamitajn "Jarojn" por 2010 ĉe Unuiĝintaj Nacioj kaj Unesko.
La programo havos tri esencajn elementojn, el kiuj ĉefrolos la faka:

**Faka programo:**

Tio dependos grandparte de la ĉeestantaj fakuloj, kaj antaŭvideble havos pli modestan gamon kaj bunton ol en lastaj jaroj. Tamen, ni strebos al kiel eble plej alta kvalito, kun limigo de la kvanto da paralelaj programeroj.

**Labora programo:**

La komitato kunsidos komence de la konferenco, aŭdos raportojn kaj starigos publikajn labor-grupojn. La komisiono pri universitata/scienca agado kaj la lerneja komisiono certe okazigos labor-rondojn, eventuale ankaŭ aliaj komisionoj faros similon. Tie eblos aŭdi pri la faritaj laboroj, kurantaj projektoj kaj estontaj planoj kaj kontribui al mini-projekto elektita por kuna plenumo dum la konferencaj tagoj.

**Distra programo:** Ni ofertas ekskursojn, ekzemple unu tuttagan al la plaĝo Varadero, kaj duontagan pli proksime. Ni decidis koncentri la komunan ekskurs-oferton por ke la faka kaj labora programoj havu konvene grandan publikon. La vesperaj programeroj ofertos abundajn eblojn por distrado.

Pliaj programeroj: Ĉi tiuj estas ankoraŭ planataj.
La hotelo Canimao ludos centran rolon en la konferenco. La programo havos tri esencajn fadenojn: fakan, laboran kaj distran. ILEI prenis kontakton kun UEA por ke ilia flug-oferto inkluzivu konvenajn flugojn por konferencontoj kaj kun la loka organiza teamo por ke junaj instruistoj el Kubo kaj najbaraj landoj havu eblon partopreni.
Unika semajno atendas vin!

Sept 24, Stefan MacGill, Prezidanto de ILEI.
Informado:
<http://ilei.info/konferenco/2010/Alighilo_Kubo.php>

## HUMANISMO KIEL FRUKTO DE INTERHOMA DIALOGO

Konsiderante ĝin historie, ni devas konstati ke la humanismo jam originas el la pragrekaj tempoj. Simple pensu pri la greka urboŝtato Ateno (ĉ 500-200 a.K.), kie la demokratio kaj la homa libereco ludis centran rolon. La grekoj konis malmulte da nepraj reguloj kaj devigaj leĝoj, per kio estiĝis spaco por la homo memstare pensi kaj agi. Eĉ la grekajn diojn oni povus nomi 'homaj'. La unuaj 'humanistoj' estis la t.n. sofistoj, filozofoj kiuj serĉis kaj ekzercis veron kaj saĝon. La plej konata el ili estas Sokrato; li instruis al la homo kiel klare pensi kaj logike rezoni.

Ankaŭ en la epoko de la romianoj troviĝis sufiĉe da ebloj por la aŭtonome pensanta civitano. Tiam por la unua fojo oni uzis la vorton humanitas. Ĉi tiu vorto havas du signifojn, t.e. hom-eco, la homa naturo, kaj hom-iĝo, la disvolviĝo de homaj kvalitoj.

Post la tempo de la romianoj la influo de la eklezioj ade plifortiĝis, per kio homoj ricevis malpli da stimuloj kaj instigoj sendepende pensi pri homeco kaj homiĝo. Nur en la periodo de la Renesanco la humanismo povis ree ekflori kaj prosperi pro denova interesiĝo pri la antikva tempo. Per la studia humanitatis, studado kaj imitado de la antikvaj retoriko, literaturo kaj etiko, oni povas plej bone kreski al plena homeco. En multe da eŭropaj landoj, adeptoj de tiu tendenco aktivis, inter kiuj Erasmus, Rabelais, Shakespeare. Ili emfazis ke estas parolo pri unu vero, sed unu vero kompleksa. Ili instruis, ke ekzistas unu de Dio kreita mondo kaj homa naturo, unu elstara kulturo, kiu spertigas ke la dia ĉeesto en la homo manifestiĝas. La interhoma dialogo estis grava bono. La Renesanco atentis kaj akcentis la diversajn vid- kaj kondutmanierojn de aliaj, ĉar oni konfesis la konvinkon, ke ĉiu homo iusence pravas. Ombra flanko de la tiutempa humanismo estis, ke ĉi tiu idealo apartenis al riĉuloj kaj aristokratoj, havantaj tempon kaj monon.

Surbaze de la studia humanitatis la Renesancaj humanistoj klopodis formi al si ideojn, kiel homo hominde vivu kaj kiel plej bone aspektu kaj ordiĝu la homa socio. Ili forte emfazis la indecon de la homo, kreita laŭ la bildo de Dio, la signifon de la individua homo, la strebadon al persona disvolviĝo kaj la neceson ade eduki(ĝi) kaj instrui(ĝi). Ili ege malŝatis netoleremon kaj laŭdogman teoriumadon.

Antaŭ 1750 ne estis parolo pri humanismo en okcidenta Eŭropo. La pli granda parto de la Renesancaj humanistoj konfesis sin kredantaj kristanoj. Nur en la daŭro de la 19-a jarcento – sekve de ekleziaj starpunktoj – la humanistoj iom post iom fariĝis nereligiaj. En ĝermanaj lingvoj la humanismo esprimis relativiĝon kaj foje ankaŭ liberiĝon el religiaj potencoj. Karlo Marks estis unu el la plej grandaj batalantoj por ĉi tiu ateisma tendeco en la sino de la humanismo.

Baldaŭ oni ekuzis la vorton humanismo en senco vivokoncepta. Naskiĝis novspecaj humanistoj kiuj nomis sin liberpensuloj. Ili forte kritikis la kristanismon, ĉar ĝi laŭ ili akceptas supernaturan revelacion en multe da formoj superstiĉaj. En la komenco ili tamen restis fidelaj al religio baziĝanta sur la racio. Sed la definitiva paŝo estis: senreligieco. Aliflanke ili multe atentis iun sorto-plibonigon de la homaro, ankaŭ surbaze de helpoprojektoj favore al landoj evoluantaj. Nuntempaj humanistoj, kiuj igas sin gvidi per la konscienco kaj la kapablo distingi inter bono kaj malbono, karakteriziĝas per jenaj trajtoj:

= la preteco responsi en pensado, dialogado kaj agado konforme al la normoj de racio kaj moralo;

= la volo helpi al kunhomoj, junuloj kaj adoltoj, kreski al plena disvolviĝo;

= strebado al socio en kiu centras libereco, justeco, toleremo kaj respekto por (kun)homeco.

Antaŭ nelonge mi ie legis la eldiraĵon: ''En la hodiaŭa socio ne plu ekzistas komuna tradicio. Ĝi malaperis ankaŭ kiel konsekvenco de interkultureco. Aldoniĝas la fakto ke nuntempaj homoj pli ofte emas vojaĝi kaj tiel ekkonas aliajn kulturojn. Junaj homoj eltrovas sian propran identecon. Tion ili ne plu faradas, kiel en pasinta tempo, nur legante kaj pripensante ĉiajn skribaĵojn, sed ankaŭ pere de aliaj komunikiloj.''


Jacques Tuinder

Mi pensas unualoke pri la preskaŭ senlimaj ebloj de interreto kaj televido. Tio donas al gejunuloj la ŝancon kreski al pli larĝe orientiĝintaj, libere pensantaj kaj memstare juĝantaj homoj. Sed ĉi ĉion certe akompanu harmonia evoluo de emocioj kaj socialaj kontaktoj. Nepra kondiĉo estas ke ili kvazaŭ elpaŝu el la propra mondo. Estas fakto konata, sperto konstatenda, ke multe da junaj homoj okupiĝas pri esencaj demandoj rilate al la senco de sia vivo. Gravas do por plenkreskuloj, unuavice la gepatroj en la rolo de edukantoj, ke ili restu en daŭra, lernanta/instruanta, dialogo kun ili.

Kiel esperantisto mi fine aldonu, ke laŭ mia konvinko humanisto nepre konatiĝu ankaŭ kun la ideoj kaj idealoj, la etiko kaj la homaranismo de d-ro L.L. Zamenhof kaj kun lia por ni nemalhavebla vivoverko: la lingvo Esperanto!

Jacques Tuinder

## NOVAJ FABELOJ PRI URSIDO PU KAJ PORKETO

En 2009 aperis la KD-o Novaj fabeloj pri ursido Pu kaj Porketo, kiujn verkis, rakontis kaj eldonis Julia Sigmond.

Julia Sigmond estas pensiita pupteatristino el Cluj Napoca en Rumanio, kiun mi konas dank' al vizitoj en la loka Esperantoklubo kiam mi gastas ĉe la pli aĝa filo, kiu loĝas tie kun sia familio.

La dek du fabelojn Julia Sigmond verkis laŭ peto de sia baptofilino; ŝi rakontas ilin per tri "voĉoj": la propra, tiun de Pu kaj tiun de Porketo. Ĉiun rakonton sekvas iu admono al la aŭskultantaj infanoj: prizorgu la medion, restu en la lito kiam vi malsanas, zorgu pri viaj geamikoj k. t. p.

Per la KD-o vi povas amuzi infanojn aŭ uzi ĝin en la klubo kiel paroligan ilon kiun vi aŭskultos, por poste priparoli la enhavon.

Anneke Schouten-Buijs.

## HOMOJ: VIROJ KAJ VIRINOJ...

Kiam mi estis juna, la vivo estis simpla. Homoj ekzistis en du specoj, viroj kaj virinoj.

Intertempe mi lernis ke tiel simpla la afero ne estas.

Kiam virino estas graveda, la naturo kreas novan estaĵon, kiu esence havas ĉiujn eblojn por esti viro aŭ virino. Rigardu la spegulon, ne gravas ĉu vi opinias vin viro aŭ virino, vi tamen havas mampintojn... sed ĉe du-ono de la homaro ili estas ne-utilaj ornamaĵoj.

Se ĉio irus bone, ĉiuj partoj de la homa estaĵo, ĉu ek-steraj, ĉu internaj, ĉu korpaj aŭ spiritaj, devus esti de unu speco. Pri tio decidas hormonoj, kiuj inter si bata-las, kaj la venkinto decidas ĉu la nova persono estos viro aŭ virino.

Malfeliĉe tamen la venko ne ĉiam estas kompleta. Tiam la organoj el kiuj la persono konsistas povas esti parte viraj kaj parte virinaj.

Iu, kiu ekstere estas viro, interne povas esti virino, kaj inverse. Kaj plia problemo povas estiĝi, se la spirito ne scias kion elekti, kaj tiam la paciento estas en granda embaraso.

Povas esti ke dum la vivo la batalo inter la hormonoj daŭras, kaj eĉ poste novaj problemoj ekestas. Tiam viro laŭgrade viriniĝas, kaj inverse, spontanee, aŭ kelk-foje helpate de kirurga ago.

Se la paciento jam havas partneron, tiu bezonas gran-degan komprenemon kaj kuraĝon, kaj tiel povas okazi ke infano subite havas du patrojn, aŭ eble du patri-nojn.

Sed tiaj komprenemo kaj kuraĝo estas maloftaj, kaj tiam disiro necesas.

En la porjunula revuo de TEJO “Kontakto”, NUMERO 239 (2009-6), mi trovis tre gravan artikolon pri tiu temo, verkitan de Konstanrin Efetov, Ukrainio, kaj tradukitan de P. Mojajev. El ĝi mi lernis multe pri kelkaj problemoj kiujn tiu malperfekteco de la naturo kaŭzas.

En nia lando du universitatoj speciale atentas tiujn problemojn, ili estas la Universitato en Groningen kaj VU, la tiel nomata “libera” universitato en Amsterdam. Por la koncernaj personoj kaj iliaj parencoj ekzistas help-grupo, parto de la Fondaĵo Humanitas.

Malfeliĉe mi renkontis la problemojn en la socia rondo ĉirkaŭ ni, kaj ili estas klare granda minaco por la feliĉo de ĉiu kiu renkontas ilin.

JKH

## FILMO “INCUBUS”

Ans Heijstra malkovris en la revuo Quest mencion de la vorto Esperanto. Sed pro nekutima kialo. En la jaro 1965 aperis terurfilmo “Incubus”, kies aktoroj parolis nur Esperanton de la komenco ĝis la fino.

Ili tamen ne sciis la lingvon kaj devis lerni sian tekston en Esperanto parkere, nur iom komprenante la en-havon. Ne mirige ili aktoris foje kun malcerteco - sed tio ne malhelpis la sukceson de la filmo, kiu temis pri konfuzo inter bono kaj malbono.

## LINGVO - FONTO DE MISTERA FORTO.

Por multaj homoj lingvo nur estas komunikilo, por interŝanĝi ideojn kaj opiniojn. Sed en vero, lingvo estas multe pli ol tio.

Tion pruvas la fakto ke multaj homoj defendas sian lingvon kontraŭ atakoj, kaj ke grupoj kiuj volas super-regi aliajn ofte trudas sian lingvon al ili. Lingvo ja havas la misteran econ ke ili, kvazaŭ magnete, kunligas la homojn kiuj ĝin parolas. Tial superregantoj ofte malp-ermesas la uzadon de ia lingvo. El la multegaj ekzem-ploj kiuj ekzistas mi mencias nur unu: la malpermeson uzi la Kurdan lingvon en Turkio.

Kiam mi - malfeliĉe - kiel militisto devis partopreni en kolonia milito kontraŭ la nuna Indonezio, mi iam estis invitita ĉe geedziĝo ĉe ĉina familio. Ĉe mia eniro, ne ĉiuj gastoj montris ĝojon. Sed ekde la momento kiam mi salutis la geedzan paron per la vortoj (se mi bone memoras): “Kasi slamat ke dua kemanten..” mi estas por ili alia persono... (La teksto parolas pri donado de feliĉo al la geedza paro).

Lingvo karakterizas siajn uzantojn. Kiam mi iam antaŭ grupo de virinoj prelegis pri Esperanto, la prezidantino, edzino de pastro, antaŭe avertis la publikon: “Esperan-to, komprenu bone, ne estas nur lingvo, sed en vero ĝi estas vivo-principo...”.

Pri tio mi pensis, kiam Wim Jansen en sia inaŭgura parolado, la 4-an de septembro 2009,

menciis nian lingvon kiel “amindan lingvon”. La neder-landa estas lia gepatra lingvo, la itala, pro lia edzino, grava familia lingvo, kaj la angla dum plurdek jaroj estis lia profesia lingvo. Tamen, kiom ajn gravaj tiuj lingvoj estas por li, Esperanto estas pli ol komunikilo, ĝi estas lia “aminda lingvo”.

Dufoje jam mi povis konstati kiom grava nia lingvo po-vas esti. Inter miaj amikoj iam estis kvarpersona fa-milio. Ili estis esperantistoj, tiom ke oni povas dubi ĉu ili ankoraŭ estis nederlandanoj. Pro aktivado en TEJO la filino konatiĝis kun viro el Sud-Ameriko, al kiu ŝi edziniĝis, por komenci komunan, vere malriĉan vivon.

Okaze de la naskiĝo de la unua infano ŝi bedaŭrinde mortis kaj pro kialo, kiun mi ĝis nun ne komprenas, la kremacio okazis en nia lando. Kaj, ne mirige, la lastaj vortoj de la gepatroj al ŝi estis en Esperanto.

Eĉ pli impona estis la funebra ceremonio, kiam la edzino de nia Esperanto-instruisto forpasis. Malgraŭ la fakto, ke la edzino tute ne parolis nian lingvon, la edzo tamen nur povis esprimi sian adiaŭan saluton en Esperanto.

Kiel ĉiu homo, ankaŭ mi kelkfoje spertas malfacilajn momentojn, kiam okazas morto, malsano, aŭ konflikto. Mi konstatis, kiam mi cerbumas pri ili, klopodas trovi solvon, aŭ akcepton, ke mi pensas en Esperanto.

Kelkfoje oni renkontas homojn, kiuj opinias ke Espe-ranto ne estas lingvo, sed imitaĵo de lingvo, ĉar ĝi estas homa inventaĵo, nur artefarita, kaj ne-natura. Mi opinias ke la supraj ekzemploj pruvas kiom grave ili eraras.

JKH.

